# ESPERANTO EN AFRIKO



Bulteno de la Afrika Komisiono de UEA

Numero 18 (2012: 2)


*Karaj gelegantoj,*

*Tiu ĉi estas la dua apero de nia bulteno dum la jaro 2012. En ĝi estas abundaj raportoj de agadoj ĉiuspecaj, mesaĝo de ĝenerala sekretario de UN, intervjuoj kaj vidpunktoj pri la movado en Afriko. Apartan dosiereton la redaktoro dediĉis por la unua universitata studento el la lernejo Jules Verstraeten (Benino). Afriko ankaŭ festis kadre de la jubileo de Esperanto. Viglaj restas la diskutoj sine de Afrika Komisiono de UEA (AK) pri kiel memstare agadi kaj subteni finance la movadon en Afriko. Agrablan legadon al ĉiuj.*

*La redaktoro*

***

## AFRIKA OFICEJO DE UEA EN MONDO PLI KAJ PLI VIRTUALA



Kiam temas pri oficejo, precipe de organizaĵo internacia, homoj ofte pensas pri giganta kaj bela domo kun oficistoj kies salajroj estas tre allogaj. Forta restas tia sinteno aparte en Afriko, kie lerni Esperanton povus esti bela okazo por malfermi ian pordon al la feliĉo, almenaŭ al aventuro en ia paradiza mondo. La Afrika Oficejo (AO) en Lokossa estas certe ejo, de kie elfluas lernmaterialoj al afrikanoj, sed giganta kaj bela ĝi ne estas. Homoj kiuj tie deĵoras, estas volontuloj kun bagatelaj salajroj. Ĉiuj taskoj transprenitaj ne estas plenumitaj en la oficejo de Lokossa, sed de homoj en diversaj partoj de la mondo, danke al la reto. Kunlaborantoj de AO estas ĉiuj bonvolemuloj kiuj dediĉas siajn tempon kaj energion por helpi al plenumado de la taskoj. Neniu el ili, ĉu el Belgio, Italio, Kanado, Togolando, Burundo, Benino ktp ricevas ian financan kompenson pro tio. Necesas, ke homoj, precipe afrikanoj sciu tion, ĉar ofte atingas AO-n raportoj de kluboj aŭ de unuopuloj, kiuj petas astronomian monsumon por realigi ian por- aŭ peresperantan projekton. Nepozitiva respondo al iu peto kelkfoje kreas frustiĝon ĉe la petinto. En movado kun nesufiĉa rimedo, necesas, ke homoj kiuj atendas ian servon, konsciu ke tre gravas respekto de necesaj kondiĉoj, ĉu por peti subvencion, ĉu por ricevi lernmaterialojn. Povus okazi pro tio, ke petintoj ne ricevas pozitivan respondon, se ili intertempe ne respektis la regulojn. Helpojn ĉiuspecajn de la tuta

Esperanto-komunumo la afrika movado bezonas. Ĉiu helpo financa iru al Fondaĵo Afriko ĉe UEA, kaj alispecaj helpoj (lernmaterialoj, dispono de spertiĝo ktp) iru al AO ĉe <afrika.oficejo@gmail.com>, aŭ paperpoŝte al Afrika Oficejo, B.P. 416, Lokossa-Mono, Benino.

*Jean Codjo (membro de AK)*

## SUBVENCII AFRIKAN AGADON: SUPERRIGARDO KAJ PERSPEKTIVO

Por ricevi subvencion de UEA, necesas plenumo de kelkaj kondiĉoj: sendo de kontentiga raporto pri ricevita subvencio kaj agado de la pasinta jaro, respekto al limdato (plej malfrue fine de januaro) ktp. Nur landa asocio rajtas ricevi subvencion je la nomo de lokaj kluboj, krom kluboj de landoj kie ne estas asocio. Raportoj devas esti senditaj al AO, ĉu rete, ĉu papere. En februaro aŭ marto ĉiuj senditaj raportoj estas pristudataj de AO, kaj resumo de ili kaj proponoj pri sumoj estas senditaj al la CO kun kopio al la kunordiganto de AK. Post komento de la CO kaj la kunordiganto de AK, respondo iras de AO por informi la ricevonton. Por la jaro 2012, AO ricevis 15 raportojn, el kiuj 9 estas kontentigaj. La ceteraj 6 raportoj estis aŭ nekontentigaj aŭ malfruaj. Ekzemple la raporto de la landa asocio de Togolando, unu el la plej aktivaj asocioj en Afriko, atingis malfrue AO-n. Pro tio apartan alvokon faris la kunordiganto de AK por peti helpon. Al tiu alvoko reagis favore du mecenatoj. Ĉar subvencio por la afrika agado dependas de mecenatoj, ni povas aserti ke 10 landoj ricevis subvencion por la jaro 2012. Jen listo de ili kun sumoj en eŭroj:

| Lando | Subvencio en eŭroj |
|---|---|
| Benino | 300 |
| Burundo | 400 |
| Gabono | 100 |
| Ganao | 100 |
| Kenjo | 300 |
| Kongo DR | 450 |
| Niĝerlando | 50 |
| Senegalo | 200 |
| Togolando | 250 |
| Ugando | 100 |

Entute asocioj kaj lokaj afrikaj kluboj ricevis 2250 eŭrojn por la jaro 2012. Tiu sumo tre certe ne sufiĉas por efike enradikigi Esperanton en la tuta kontinento. Ideale estus, ke ĉiu landa asocio en Afriko prizorgu finance sian propran movadon, simile al tio kio okazas en Eŭropo. Sekvi modelon eŭropan verŝajne ne helpus afrikanojn memstare agadi, ĉar la celo ŝajnas ege malfacile trafebla. En la okcidenta mondo, homoj konscias ke la farto de la movado finance dependas ĉefe de ili, dum en multaj afrikaj landoj, homoj ofte atendas helpon de eksteruloj por solvi problemojn tute internajn. Oni havas la impreson ke oni lernas la lingvon pro kaj por eksteruloj. Kompreneble, kiam oni estas studento aŭ lernanto, kiu apenaŭ havas monon por sin vivteni, estas tute normale ke sinteno vid' al vide de la movado ne similas al tiu kiu disponas je iom pli. Pro tio, pli efike estus sekvi modelon de landoj kiel Kubo, kie malgraŭ la ĉiutagaj financaj malfacilaĵoj, homoj sukcesas aranĝi kunvenojn, renkontiĝojn, eĉ kongresojn. En Kubo mi estis kaj miris kiel bone la movado evoluas. Tamen tiea vivnivelo ne estas pli alta kompare al tiuj de Benino, Togolando, Burundo ktp.




En Meksiko, lando kun iom pli alta vivinivelo, mi rimarkis ion similan: homoj provas kontribui neatendante helpon de eksteruloj. Kompreneble en tiuj cititaj landoj ĉiam estas pioniroj, kiuj dediĉas ĉu energion, ĉu monon por la movado. Verŝajne la afero estas sama en aliaj sudamerikaj landoj. Pri tio mi ne povas tute aserti, sed oni pli rimarkas ke homoj pli konscias pri tio kion ili devas fari por la evoluo de la movado. En Afriko, tiaj homoj ankaŭ ekzistas. Multaj pioniroj de la movado nun havas laboron por sin vivteni. Tamen, ili ne nur apenaŭ kotizas por sia loka klubo, sed ofte aktivas nur kiam disponiĝas subvencio. Eble ili pli lernos per staĝumo aŭ partopreno en kongresoj en Sudameriko (Kubo, Brazilo, Meksiko ktp) ol en la okcidenta mondo. Kiam oni legas leterojn adresitajn al AO reage al netuja pozitiva respondo por ia peto de subvencio, oni ja havas la impreson, ke sen tiu subvencio, la movado tuj mortos. Kelkfoje oni eĉ minacas, akuzas, ke AO kulpos pro netaŭga rezulto de la agado de la asocio, se tiu lasta ne tuj ricevas la petitan subvencion.

**Ĉu tamen rezigni pri subvencio helpos?**
Tute ne! En ĉiuj landoj, eĉ tiuj en okcidento, estas ia subvencio ŝtata. En Afriko, la ŝtata subvencio ne ekzistas, pro tio la movado dependas nur de la kaso de Fondaĵo Afriko. Tiu kaso dependas de mecenatoj ene de la Esperanto-komunumo. Kelkaj el tiuj mecenatoj apogas projektojn de unuopuloj en Afriko rekte, dum aliaj pere de la Fondaĵo Afriko. Mi ne intencas determini vojon por mecenatoj kiuj pretas helpi la movadon en Afriko, sed pli efike estas helpi per la fondaĵo, ĉar la kontrolo estas pli facila kaj fidinda. Se, tamen, iu mecenato preferas rekte helpi unuopulon, tiu bonvolu ne ĝeneraligi, se la afero fiaskos. Estas certe ke la risko estas granda, kiam oni apogas projekton sen almenaŭ konsiloj de Esperanto-instanco. Kelkaj de tiaj projektoj ja sukcesas, sed multo ne, ĉar ofte temas pri surpaperaj projektoj, t.e agado kiu nur teorie bone kaj efike evoluas.

*Jean Codjo (membro de AK)*

## AFRIKO FESTAS OKAZE DE 125-A JARIĜO DE ESPERANTO

- **Ganao**

Gastpreleganto d-ro Akwasi Osei, fama ĉef-psikiatro en Ganao kaj ankaŭ esperantisto, prelegis pri la historio de Esperanto-movado ĝenerale kaj pri Ganaa Esperanto-Movado ĝis nun.



Li fine malkovrigis al la ĉeestantoj la similecon de Esperanto al lokaj lingvoj (Twi, Fanti, Gan ktp). Sekvis Paŭlo Kwesi Mensah, la prezidanto de Ganaa Esperanto-Movado, kiu parolis pri avantaĝoj kaj ŝancoj kiujn alportas nia verda lingvo al la homaro, kiel reciproka amo, senkondiĉa respekto al alinaciulo kaj ties kulturo, amikeco, kaj ebloj korespondi, vojaĝi kaj eĉ studi eksterlande (kiel en Pollando). Li kuraĝigis la partoprenantojn, ĉefe studentojn, studi Esperanton por ke ili povu esplori aliajn ŝancojn. Ni finfine faris grupfotojn kaj poste interbabilis trinkante. Dum la babilado la gvidanto kaj gastiganto de la evento proponis ke Esperanto estu enkondukita en ilian lernejon.

*Alfred Kobina Arthur*

- **Togolando**




De la 14-a ĝis la 20-a de majo 2012 okazis en la togolanda universitato de Lomé kultura foiro, ĉe kiu inter la preskaŭ 200 partoprenantaj standoj reprezentiĝis ankaŭ Esperanto. La bela ĉeesto de nia lingvo venis el la togolandaj esperantistoj, kun aldona subteno de UEA. Tiel membro de la Afrika Komisiono de UEA kaj togolandaj esperantistoj kune brile prezentis Esperanton.

Dum la semajno ne nur okazis buŝa informado, sed ankaŭ funkciis ekspozicio de kelkaj Esperantaj verkoj, revuoj, diskoj kaj kasedoj. Vizitantoj jen ekkonatiĝis kun la Esperanto-kulturo trarigardante la montraĵojn, jen faris multajn demandojn kaj enskribiĝis, ricevinte kontentigajn respondojn akompanatajn de flugofolioj. Iuj tuj petis enlistiĝon de siaj nomoj por proponata lingvokurso, jam baze lerninte aŭ informiĝinte pri la lingvo. En unu kazo aŭ en alia, la scivolemo de la gestudentoj estis granda antaŭ nia budo.

Verŝajne temas pri la unua fojo en Togolando, ke oni tiel elpaŝis por la internacia lingvo en la universitato. La celo estis malkovrigi Esperanton, lernigi ĝin al gestudentoj, igi ilin uzi ĝin kadre de interŝanĝoj kun esperantistoj de la tuta mondo, kaj sekve klopodi por ke ili ekaktivu en la universitato kaj partoprenu en diversaj projektoj movade.

Entute ni povas diri ke ni estas sur bona vojo. Estis disdonitaj ĉirkaŭ dek kvin kilogramoj da materialo (kalendaretoj, simplaj flugfolioj, lerniloj); 224 personoj de diversaj fonoj – t.e. gestudentoj (la plimulto), instruistoj kaj administrantoj – enskribiĝis por la lingvokurso, kaj kvin el tiuj jam studis la lingvon dum la semajno mem. Tiuj ĉi ricevis lecionon (temas pri kurso Ferez), iris hejmen kaj trastudis ĝin, faris la taskojn, kaj en la posta tago mi korektis kaj disponigis la sekvan lecionon. Krome ni donis ekzemplerojn de Esperanto-muziko al la plej scivolemaj vizitantoj.

Granda danko iras al miaj helpantoj, nome Nouwatsi Kossi Séna, Adjé E. Jérôme, Amékoudji D. Germaine kaj Alluya Aicha, sed speciale al Esperanto-France kaj SAT-Amikaro, kiuj sendis materialon. La universitato de Lomé estas la plej granda en Togolando, kaj en ĝi studas ĉirkaŭ 40 000 studentoj. Tie studas ankaŭ la tri helpantoj ĉe la foiro.

Fermiĝis la semajno, nun restas al esperantistoj ĉe la universitato kaj aliaj aktivuloj daŭrigi kaj flegi la kontaktojn. Unuavice la intenco estas aranĝi surlokan kurson en la proksima estonteco kaj profiti la okazon por kontakti universitatajn aŭtoritatojn en Lomé por faciligi kreon de studenta Esperanto-klubo.

Kompreneble ĉiuspecaj helpoj bonvenas por flegi kaj kreskigi tiujn verdajn semojn, tiel ke ni havu konsiderindajn rezultojn baldaŭ. Subtenu niajn paŝojn!

*Adjévi Adjé*

- **Benino: eltiraĵo de intervujo pri Esperanto en radiokanalo Lokossa FM 106.5**

Kiel planite, dimanĉon, la 15-an de Julio 2012 okazis ĉe la loka radiokanalo de Lokossa intervjuo farita de ties ĵurnalisto kun Latifou Gbadamassi, prezidanto de la landa asocio en Benino. La ĉeftemo estis la agado de la asocio en tiu ĉi jubilea jaro de Esperanto.

ĴURNALISTO (ENKONDUKE): *Bonan vesperon, karaj aŭskultantoj de la "Radio Mono, la voĉo de Lokossa 106.7 FM". Ĉi-vespere ni akceptas, en nia studio, s-ron Latifou Gbadamassi, prezidanto de Asocio de Beninaj Esperantistoj. Nia invitito priparolos la celebron de la 125-a datreveno de la eldono de la unua libro en Esperanto.* [...]

ĴURNALISTO: *Ĉi-jare la tuta Esperanto-komunumo celebras la 125-an datrevenon de la Unua Libro. Kial tia celebro?*

LATIFOU: La Unua Libro estis eldonita la 26-an de julio 1887, kaj tiu eldono markis la ekziston de nova internacia lingvo. La celebro memorigas al ni tiun neforgeseblan historian eventon. Fakte la 26-an de julio 1887 estas la naskiĝdato de la universala lingvo.

ĴURNALISTO: *Kio estas Esperanto?*

LATIFOU: Esperanto estas artefarita lingvo proponita de pola kuracisto kaj oftamologo, d-ro Ludoviko Zamenhof, en 1887. [...]

ĴURNALISTO: *Kio estas la agado de la landa asocio kadre de la jubilea jaro ?*

LATIFOU: La agado resumiĝas jene:

- lernigi kanti parkere la himnon de Esperanto "La Espero" kaj enmanigi atestilojn al sukcesintoj;
- informi la publikon, ekzemple per tiu ĉi intervjuo;
- gvidi kursojn, perkorespondajn kaj surlokajn;
- malfermi la landan E-bibliotekon al la publiko ekde la 26-a de julio 2012. [...]



- **Kongolando : kultura tago en Kinŝaso**




La 19-an de julio 2012 en Kinŝaso okazis la 2-a Esperanta Kultura Tago (EKT). Ni kaptis la okazon por sciigi al la partoprenantoj ke Esperanto estas 125-jara ekde tiu ĉi monato, julio 2012. Tiuokaze estis dirite ke la iniciatinto de Esperanto L.L. Zamenhof publikigis, en la 26-a de julio 1887 en Varsovio, sian Unuan Libron de Esperanto, titolitan *Lingvo Internacia*. Li intencis faciligi la komunikadon; tial li igis la lingvon, kiu estas sendependa kaj senlandlima, sufiĉe kapabla por krei pli bonajn rilatojn inter homoj el diversaj originoj. Mallonga resuma historio pri Esperanto estis voĉlegita antaŭ la partoprenantoj. Por la gelernantoj de Esperanto, tio estis okazo publike praktiki la lingvon kaj renkontiĝi kun aliaj esperantistoj el Kinŝaso kaj el Kongo DR. La tago estis ornamita je diversaj aktivecoj:

– ekspozicio de kelkaj disponeblaj dokumentoj pri Esperanto;
– diversaj ludoj;
– dancado;
– recitalo;
– scenetoj;
– konkursludoj:
  – literumado,
  – demando-respondo (ĝenerala kulturo),
  – traduko de francaj frazoj en Esperanto.

La ludintoj ricevis klasikajn objektojn kiel premiojn. Ni estis tute feliĉaj pri la tago, kiu perfekte elmontris la celon mem de la klubo: zorgadi pri la disvastigo de la neŭtrala lingvo por la antaŭenigo de la movado. Ni tutkore dankas al s-ro Horst Gruner, kiu subtenis la tagon per substanca kontribuo. Ni deziras interŝanĝi agadspertojn por la plibonigo de nia agadmaniero.

*Alexandrine Omba kaj Rachel Mafuluko (organizintoj)*

# AGADE TRA AFRIKO

## • Benino: revigligo de la junulara sekcio



La 21-an de julio kunvenis en la Afrika Oficejo dudeko da gejunuloj beninaj por cerbumi pri kiel relanĉi la neaktivan beninan junularan sekcion (BOJE). Neniu el la antaŭa estraro estas aktiva kaj trovebla. La kunveno estis instigata al interŝango de ideoj. Por pluigi la intereson, dua kunveno kun la sama celo estis aranĝita por la 28-a de julio. En ĝi partoprenis aliaj 25 junaj esperantistoj. Ĉar mankas tempo kaj rimedo por aranĝi asembleon, estis interkonsento pri elekto de provizora estraro dum alia granda kunveno okazonta kelkajn semajnojn poste, la 11-an de aŭgusto en Adohoun. Tiu estraro devos relanĉi la movadon kaj prepari asembleon por elekti oficialan BOJE-estraron.

*Bernard Gnancadja*

## Burkino: lingvokurso



Ekde mardo, la 14-a de aŭgusto komenciĝis surloka lingvokurso por tutkomencantoj en Uagadugu en Burkino. Temas pri unu-monata intensa instruado al grupo de laboristoj de la organizaĵo *Orange Bleue Afrique* (OBA), kiuj reciproke instruas pri fabrikado de tofu kaj similaĵoj. Por la funkciuloj de OBA lerni Esperanton signifas akiri komunan lingvon pere de kiu ili planas ekhavi kulturajn kontaktojn kaj kunlaborojn tra la mondo. La instruado de Esperanto disvolviĝas ĉiutage escepte de dimanĉo dum tri horoj (de la 12-a ĝis la 15-a horo) en la sidejo mem de OBA, la laborejo de la gekursanoj. Tiuj ĉi konstistas el 5 junaj plenkreskuloj kun averaĝe kontentiga edukiteco. Ĉiu nekredeble montras motiviĝon dum la leciona lernado kaj diligente progresas. La ideo estas, ke je la fino de tiu unumonata kunlaboro kaj lernado la kursanoj estos kapablaj je baza komunikado parole kaj skribe, kaj povos skribi kaj paroli pri si mem, pri sia lando, kulturo kaj ĉiutaga vivo. Ili estos kapablaj legi tekstojn kaj kompreni Esperanton. Ili alproprigos lernoteknikojn kaj spertojn pri memstara laboro. La instrua materialo uzata estas la Metodo 11 de Esperanto-France kaj materialo preparita speciale por tiu kurso, ĉio adaptata al la situacio kaj bezono ĉiutage. La listojn de vortoj, tekstojn kaj kantojn la kursanoj ricevas aparte. Aldone, ĉe la fino de la kurso estos donita al OBA aŭdvidan materialon kaj kelkajn lernolibrojn. Krom la kurso, demarŝoj estas farataj ĉi-foje kune kun s-ro Drag Antone, tute certe la sola ĝisnuna esperantisto en Burkino por partopreni en radioelsendoj kaj aliaj informaj aranĝoj pri Esperanto en la burkina ĉefurbo.

*Adjévi Adjé*

- **Kongolando: virina agado (KEVA)**



La 17-an de marto 2012, Konga Esperanta Virina Asocio (KEVA) okazigis prelegon pri la Internacia Virina Tago en Kinŝaso ĉe Sankta Ignace de la 10-a ĝis la 15-a horo. Preskaŭ 80 personoj partoprenis kun ge-infanoj. La tago estis mirinda, kun ĝenerala temo "Paco kaj investo en geknaboj por bona estonteco". S-ino Vanessa Kapenga gvidis la eventon. Jen la programo:

1. malfermo kaj nacia himno;

2. poemo "Aŭskultu la krio de la virinoj" deklamita de s-ino Miŝu Matondo;

3. unua interveno farita de la KEVA-prezidanto, s-ino Masemi Mbembi Elizabet Nelly, pri "Alvoko al la paco".

4. poemo"Ho mi amas vin" deklamita de s-ino Nathalie;

5. dialogo farita de du knabaj kevanoj;

6. dua interveno farita de Ikomba Rosine pri "Investo en knabino por pli bona estonteco".

7. prezentado de teatraĵo kongodevena.

Antaŭ la pordo estis loko por ekspozicii fotojn pri agado de KEVA, libroj, aliĝilo al KEVA, ktp. La geknaboj ricevis donacojn senditajn de la francino Andrea Bertrand. Temis pri skribiloj, krajonoj ktp.

Ni kaptas la okazon por danki ĉiujn geamikojn kiuj kontribuis al la sukceso de la evento. Apartan dankon al Malanda Jean Bosco, kiu respondis al nia invito alportinta Esperantan flagon. La loka radioelsendejo raportis pri la evento.

*Vanessa Kapenga*

- **Sud-Afriko: Esperanto tra la turismo en Kaburbo**



Sub gvido de la fama pola esperantisto s-ro Andrzej Grzębowski, Esperantotur organizis dum la jaro 2012 ŝipokrozadon de Kaburbo (Cape Town, Sud-Afriko) tra Namibio, Senegalo, Kanariaj Insuloj, Madera al Eŭropo – Málaga-Genova. S-ro Andreo kaj la grupo forflugis de Varsovio tra Londono kaj Dubai, kaj alvenis el Pollando en Kaburbon la 29-an de marto je 11h40.

Alveninte en Kaburbon, la polaj amikoj estis akceptitaj de membroj de Kaburba Esperanto-Klubo kiuj estis surmetintaj E-ĉemizojn per kiuj la gastoj facile ekkonis siajn gastigantojn. La kaburbanoj, kiuj jam sciiĝis pri la alveno post interparolado de prof. Harro (ĝenerala sekretario de EASA) kaj s-ro Grzębowski,

la prezidanto de Esperantotur, bone preparis sin kaj varme bonvenigis la gastojn ĉe la flugejo. Jam perrete s-ro Andreo petis servon de prof. Harro pri du aferoj: renkonto en la flughaveno kun veturigo al la hotelo, kaj disponigo de E-gvidanto por vizitoj al interesaj lokoj en Kaburbo dum ilia restado. Tiujn taskojn transprenis s-ro Emile Malanda kun la turisma fako de Kaburba E-Klubo, kiun li iniciatis antaŭ nelonge.

Sub la gvidado de la deĵorantoj de la turisma fako nomata "Turismo en Afriko" (TurAfrik) estis ofertita bona servo al la polaj gastoj: de la akcepto en la flughaveno tra la hotelo ĝis la foriro. En la programo la gastoj vizitis interesajn lokoj en Kaburbo, interalie la Kastelon de Bona Espero, kiu estis granda malliberejo de la sklavoj en la 17-a jarcento; la placon *Green Market* (Verda Bazaro), kie oni vendas diversajn afrikajn artaĵojn; kaj la muzeon *Gold of Africa* (Oro de Afriko), kie oni povas vidi orajn antikvaĵojn de Afriko. Pro la mallonga tempo la polaj turistoj ne vizitis ĉiujn deziratajn lokojn en Kaburbo, kvankam TurAfrik sukcese aranĝis la turisman vojplanon. Post la tranokto, sekvatage, ili veturis ĉirkaŭ la 10-a horo al la haveno por enŝipiĝi en *MSC Sinfonia* kaj daŭrigi la longan vojaĝon. Rezultis de tio pago de honorario al TurAfrik. La invito estas lanĉita al tiuj kiuj volas viziti Kaburbon aŭ Sud-Afrikon sub E-gvidado. Kontakto: retpoŝte <turafrik@gmail.com>, telefone +27718199899.

La kronado de ĉio estis vespera renkontiĝo inter la polaj amikoj kaj la lokaj esperantistoj ĉe la sidejo de la Kaburba E-klubo. La klubanoj bonvenigis la polojn en la lokalon, kaj venis la tempo por interkonatiĝi. Ĉiu do prezentiĝis laŭvice. S-ro Emile parolis pri la Kaburba E-Klubo kaj sekve s-ro Andreo parolis pri Esperantotur kaj ISTK. Li invitis la kaburbajn esperantistojn studi ĉe la Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo en Bydgoszcz en Pollando. Multaj demandoj venis de la polaj amikoj, kaj s-ro Emile kontentige respondis al ĉiuj. Admirinda estis la vespero. Pluvivu Esperanto!

*Emile Malanda*

## MESAĜO DE BAN KI-MOON POR AFRIKO

Ĉiun jaron, la Tago de Afriko donas okazon agnoski la atingojn de la popoloj kaj registaroj de Afriko kaj por rekonfirmi la subtenon de Unuiĝintaj Nacioj al iliaj klopodoj konstrui pli bonan estontecon.

Unuiĝintaj Nacioj pozitive agnoskas la lastatempajn paŝojn de Afriko por firmigi sian arkitekturon de paco kaj sekureco, kaj malakcepti nekonstituciajn ŝanĝojn de potenco. Ni daŭre kunlaboros kun Afriko por konstrui daŭrigeblan pacon, ĉesigi armitajn konfliktojn, antaŭenigi demokration, kaj apogi respekton al fundamentaj homaj rajtoj, precipe la rajtoj de virinoj kaj gejunuloj. Afriko estas dinamika kontinento, kiu trairas fundamentan transformiĝon. Eĉ dum la monda ekonomia krizo la ekonomioj de Afriko daŭre ekspansias, kaj kreskoprognozoj restas pozitivaj. Tamen, la fruktoj ne atingas ĉiujn afrikanojn. Malriĉo, malsato, kaj malegalecoj rilate sanon, edukon kaj socian partoprenon malhelpas centojn da milionoj de afrikanoj plene realigi sian potencialon. Pli granda penado flanke de ĉiuj personoj estas bezonata por atingi la Jarmilajn Evoluigajn Celojn ĝis la jaro 2015. La kreskanta nombro de rakontoj pri sukceso, tra tuta Afriko, montras, ke pli larĝa socia kaj ekonomia progreso estas realisme atingebla de la plejparto de afrikanoj. Mi mem vidis la fruktojn de investado en virina kaj infana saneco kaj daŭripova agrikulturo. Mi pasigis multajn horojn kun afrikaj gvidantoj, kiuj sin dediĉas al paco, homaj rajtoj, demokratio kaj bona regado.

Ĉefa defio estas larĝigi tiujn avancojn kaj certigi, ke ili atingu ĉiujn afrikanojn, speciale la plej malriĉajn kaj plej vundeblajn homojn. Precipe, ni devas alfronti la spektron de malsato – ekde la plene videblaj periodaj nutraĵokrizoj ĝis la kaŝita honto de nanigo, kiu plagas novan generacion de afrikaj infanoj.

Multaj el tiuj demandoj estas sur la tagordo de la Konferenco de UN pri Daŭripova Evoluigo, kiu okazos en Brazilo venontmonate. Rio+20 prezentas eblecon okazantan unufoje en tuta generacio por muldi la estontecon, kiun ni deziras – estontecon kie klimatoŝanĝiĝo kaj dezertigo ne plu konsistigos minacojn; kie ruiniga patrina kaj infana mortofteco, kaj malsanoj kiel tuberkulozo kaj aidoso fariĝos ŝarĝoj de la pasinteco; kie ĉiuj homoj havos aliron al sekura trinkakvo kaj adekvata sanitaro.

Ekde renovigebla energio ĝis prosperantaj oceanoj, ekde povigitaj virinoj ĝis produkivaj partnerecoj inter registaroj, la civila socio kaj komerco, Rio+20 prezentas nian eblecon liveri rezultojn por ĉiuj, precipe Afriko. Okaze de tiu ĉi festado de la Tago de Afriko, dum la mondo penas kunfandi renovigitan tutmondan partnerecon por daŭripova evoluo, mi promesas labori kun la gvidantoj kaj popoloj de Afriko por realigi tagordon, kiu rekte traktas la bezonojn de Afriko – tagordon, kiu metos la kontinenton sur la vojon al la estonteco, kiun ni ĉiuj deziras: dinamika, egaleca kaj daŭripova kreskado, kiu avantaĝas ĉiujn afrikanojn. ✪

## DOSIERO: LERNEJO JULES VERSTRAETEN EN BENINO PRODUKTAS ĜIAN UNUAN UNIVERSITATAN STUDENTON

En la jaro 1999 fondiĝis tutunua lernejo en la vilaĝo Koĝi. Danke al helpoj ĉiuspecaj, ĉefe de esperantistoj el Germanio, konstruiĝis la unuaj tri klasĉambroj. Post kvar jaroj la aliaj tri klasĉambroj estis konstruitaj danke denove al helpoj de germanaj esperantistoj. Pro tiaj helpoj infanoj de Koĝi povis frekventi baznivelan lernejon, kie oni ankaŭ instruas Esperanton. La lernejo produktis valorajn kaj esperplenajn esperantistojn en Benino. Multaj el ili deĵoris ĉe Afrika Oficejo de UEA kiel volontuloj. Dekomence la iniciinto de la projekto nur celis doni tute bazan edukadon al la infanoj de Koĝi. Sed post la baznivelo multaj el ili daŭrigis en la duagrada lernejo kun intenco plustudi ĉe la universitato. La jaro 2012 devus esti tiu por la eniro al universitato por la geknaboj kiuj estis akceptitaj en la lernejo Jules Verstraeten dum ties fondiĝo en 1999. Norbert Sadohoundé estis unu el tiuj geknaboj, kaj li nun estas la unua inter ili kiu ĵus sukcesis per enirekzameno eniri la universitaton. Foto de la unua paŝo de Norbert al la lernejo Jules Verstraeten videblas sur la sekva paĝo, aŭ en la reto ĉe http://www.freewebs.com/lernejo-jv aŭ www.educ-etre.org. Bernard Gnacadja, iama lernanto de la lernejo Jules Verstraeten kaj unu el la nunaj volontuloj ĉe AO, kaptis la okazon por intervuji Norbert.

AO: *Saluton. Bonvolu vin prezenti al niaj gelegantoj kiuj ne konas vin.*

Norbert: Mi estas Norbert Sadohoundé, unu el la geknaboj kiuj ekstudis pro la lernejo Jules Verstraeten en Koĝi, kie mi naskiĝis.

AO: *Vi estas inter la unuaj geknaboj kiuj frekventis tiun konatan lernejon, kaj vi estas la unua inter ili kiu sukcesis ĉe ekzameno de bakalaŭro. Ĉu vi povas esprimi vian sintenon vid' al vide de tiu sukceso?*

Norbert: kompreneble mi estas tre kontenta, ĉar sen tia diplomo en Benino, oni ne rajtas daŭrigi sian studadon ĉe la universitato.



AO: *Kion signifas Esperanto por vi?*

Norbert: Multon Esperanto signifas por mi. Sen esperantistoj, precipe el Germanio kaj Belgio, ne estus lernejo en mia vilaĝo. Post fondiĝo de tiu lernejo, pliaj esperantistoj subtenis finance geknabojn, i.e. min por aĉeti lernilojn necesajn por studi. Do, mi estas produkto de Esperanto.

AO: *Ĉu Esperanto estis iamaniere malhelpo por viaj studoj?*

Norbert: Neniel Esperanto malhelpis min, male ĝi kontribuis al mia sukceso.

AO: *Kia sukceso?*

Norbert: Ĉia sukceso: akademia kaj persona. Esperanto helpis min bone regi afiksojn en la franca lingvo, sekve mi havis sufiĉe riĉan konon pri la vortaro franca. Sur la persona kampo, ne necesas tro diri, ĉar mi ĵus diris ke mi povis studi pro helpo de esperantistoj, eĉ mian biciklon aĉetis esperantistino germana por mi.

AO: *Kio estas via plano post sukceso de tia ekzameno?*

Norbert: Mi intencas daŭrigi ĉe la universitato de mia lando.

AO: *Kian profesion vi intencas fari en la estonteco post universitata studo?*

Norbert: Mi deziras esti bestokuracisto. Do, mi tre verŝajne studos en fako kiu ebligos ke mi atingu tian celon.

AO: *Nun, bonvolu paroli pri via estonta dediĉo al la movado Esperanta.*

Norbert: Mi ĝis nun loĝas en regiono kie estas multe da esperantistoj. Por studi ĉe la universitato, mi tre verŝajne devos transloĝiĝi. Mi certe provos krei klubon tie, aŭ agadi kun aliaj esperantistoj kiuj jam tie agadas.

AO: *Dankon kaj plian sukceson al vi en la estonteco.* 

# EL NIA LETERKESTO

• **Dankletero de virina agado en Kongolando**

KEVA (vidu p. 8) plezuras anonci al vi samideanoj el la mondo pri la donacoj kiuj ĝojigis ĉiujn kevanojn. Do, ni ricevis unue KD-on kiu venis el Usono (s-ro Samuel Green); tio gravas ĉar ĝi enhavas bildojn de lingvaj personoj pri la fondo de Esperanto. Tie ni vidis kiel oni luktis por ke la universala lingvo estu konata tra la tero kaj kiel homoj ankaŭ prezentis sin laŭ iliaj landoj – precipe la plej konataj homoj, kiuj estas: karaj Renato Corsetti kaj Tonkin el Usono.

Due, ni ricevis neforgesitan donacon, pri Esperanta flago el Hungario (s-ro Denes Partay); tio helpos al ni starigi ĝin dum eventoj kune kun la konga flago! ni volas scii la signifon de la flago, de la koloroj kaj la stelo. Kiu povas klarigi tion al ni? Fine ni vin dankas elkore. La bono ne pereas.

*Masemi Mbembi Nelly*

• **Kubo petas ĝemeliĝon kaj kunlaboron**

Kara amiko,

Filio Havano de Kuba Esperanto-Asocio interesiĝas pri pli fortaj kaj rektaj rilatoj kun via grupo. Ni pretas analizi proponon pri ĝemeliĝo inter niaj urboj, kaj se tio ne eblas, tamen almenaŭ subskribi kulturan oficialan protokolon por la interrilatiĝo.

Vi scias ke nia asocio ne estas tro pagipova kaj ke ni havas malfacilaĵojn por vojaĝi kaj partopreni internaciajn eventojn. Pro tio ni serĉas aliajn manierojn por utiligi Esperanton internacie.

Ni trovis la jenajn eblajn interŝanĝojn kiujn ni povas oferi. Tamen, vi povas pliriĉigi tiun liston per novaj proponoj laŭ viaj ekspertoj kaj interesoj

Niaj proponoj:

1. Senpaga loĝado de viaj membroj en Esperanta domo en Kubo.
2. Traduko kaj reviziado de materialoj.
3. Interŝanĝo de revuoj, bultenoj, muziko kaj libroj.
4. Foto-ekspozicioj.
5. Kunaj komparaj esploroj pri diversaj temoj: geografiaj, naturaj, kutimoj, modoj, manĝaĵoj kaj trinkaĵoj, vivmaniero.
6. Interŝanĝo de ekspertoj pri lernado de la lingvo.
7. Ekspertoj pri asocia vivo.
8. Korespondado inter lernantoj aŭ lernantaj grupoj, organizitaj laŭ lingva nivelo.
9. Ĝenerala persona korespondado laŭ interesoj.
10. Interŝanĝo de artaĵoj, manfaritaĵoj aŭ aliaj varoj taŭgaj por la disvastigo de E-o en ambaŭ urboj.

*Fráncel Briel (respondeculo de KEA pri eksteraj rilatoj)*

***************************************************************************

Komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintaĵoj en via urbo aŭ lando bv. sendi al la redakteja adreso: afrika.oficejo@gmail.com, aŭ aerpoŝte al:

**Afrika Oficejo, B.P. 416, Lokossa-Mono, Benino**
**tel./fakso: +229 224 10 229**

***************************************************************************